


# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

OFICIALA ORGANO
DE TUTMONDA ASOCIO DE
GEINSTRUISTOJ ESPERANTISTAJ
T. A. G. E.




7-a JARO N-o 8 AŬGUSTO 1928

## TARIFO DE LA ABONPREZOJ.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 4 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉek. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | est. kr. | 3 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or | 3 |
| Greka | drahmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | eskud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1,— M por la germ. asocio, kaj 3.—M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutsch, No. 27.857", membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, Dresden, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.



## AGENTOJ DE TAGE.

**Vian kotizon akceptas:**

**En Landoj**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| Aŭstra: | Josef Feder, Wien II/I, Erlafstr. 8/9. |
| Belga: | Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801. |
| Blankrusa: | Agentejo Esperanto, D. Snejko, Minsk, Poŝtkesto 33. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Golemo-Selo, Kazanlika regiono. |
| Ĉekoslovaka: | Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin. |
| Dana: | La Forta Voko, Dana Esperanto-Gazeto, Poŝtkonto: 3584. — S-ro Paul Neergaard, Kastelsvej 21, Kopenhago. |
| Estona: | Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn. |
| Finnlanda: | Pârnânen, Sulkava, Lieviska. |
| Franca: | M. Boubou, 96 rue St. Marceau, Orléans-Loiret. |
| Germana: | Esperanto-Vereinigung Deutscher Lehrer, ĝirokonto Leipzig-Leutzsch No. 27857. |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hispana: | Ferd. Montserrat, str. Villarroel 107, 2a, 2a, Barcelona. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag-utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Java: | K. Wirjosaksono, Klaten. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petrovič, Pirot, Serbio, Novosádska 17. |
| Litova: | A. Prapuolenis, mok., Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | P. Korte, Hoofd der School, Drieborg (GR). |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom. poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rumana: | Francisko Abel, Ineu, Jud. Arad. |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |
| Sveda: | Ernfrid Malmgren, Heleneborgsgatan 6, Stockholm. |
| Svisa: | S-ino N. Oumansky, 4 Petites Delices, Genevo. |

7-a Jaro. N-o 8 Aŭgusto 1928

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germanujo)
Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20 410 — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.

## Esplorado pri vortofteco en Esperanto kaj en aliaj lingvoj*)

de Henrikino Danneil.

**Enkonduko.** — Esperanto estas instruata kaj lernata en la tuta mondo. Estas sendube, ke Esperanto estas multe pli facila ol ĉiu nacia lingvo. Sed ankaŭ sendube estas, ke ĝi ne estas egale facila por ĉiuj nacianoj, por ĉiuj medioj aŭ sociaj klasoj, kaj por ĉiu aĝo. Estus utile kompari tiujn diferencojn, sekvante la lernadon en diversaj sferoj. Se oni povus precize scii, kiagrade kaj kiamaniere tiuj diversaj kaŭzoj influas lernadon de Esperanto, oni kapablus, multe pli bone ol oni faris ĝis nun, adapti taŭgan instru-metodon al specialaj kondiĉoj kaj tiel plirapidigi lernadon de Esperanto.

IALA (International Auxiliary Language Association in the United States, Incorporated), kies sidejo estas en New York, kaj Instituto J. J. Roussseau, en Ĝenevo, entreprenis kune objektivan kontrolon de Esperanto-instruado kaj komparon de la rapideco, je kiu Esperanto kaj aliaj lingvoj estas lernataj. Ili opiniis oportune, komenci la laboron per esploro de la nomita kampo, uzante por tio la metodon de testoj, t. e. de precizaj ekzamenoj faritaj en difinitaj kondiĉoj, sur bazo de science ellaborita demandaro. Tiaj testoj celas mezuri la diversajn ŝtupojn, la progresojn dum lernado. Ili montros, ĉu kaj kiom gepatra lingvo, kono de aliaj lingvoj, grado de ĝenerala instruo, aĝo, labora kaj familia medio, ja eĉ raso kaj geografia malsameco konstateble influas kapablon lerni Esperanton — En nia kazo, tiu testo-metodo ŝajnas al ni plej taŭga, ĉar ĝi permesas kontrolon, komparon faratajn en unu centro, laŭ la ricevitaj folioj, ne necesigante personajn rilatojn inter centro kaj instruantoj aŭ lernantoj. Ĉar tiuj ĉi estas en la plej diversaj lokoj de la terglobo, tia avantaĝo estas grava.

Ni esperas, ke la ĝisnuna laboro, ĉi-sube priskribita, eble povos esti helpilo por instruistoj, kursgvidantoj kaj verkontoj de lernolibroj.

**Netaŭgeco de naciaj testoj por nia celo.** — Kiam Instituto J. J. Rousseau, kiu havas i. a. la specialan taskon aplikigi tiajn testojn, ricevis el

*) Tiu ĉi esplorado estis ebligita per subvencio de IALA, al kiu ni esprimas nian sinceran dankon.

**La venonta numero aperos la 15-an de Septembro.**

Usono la proponon uzi esperantajn tradukojn de testoj uzataj por ekzamenoj en angla lingvo, ĝi rimarkis, ke tiaj testoj tute ne taŭgas por nia celo. Ili ne estas gradigitaj laŭ la bezonoj de nia eksperimento; ili prezentas vortojn, kiujn infanoj konas en sia gepatra lingvo, sed kiujn oni ne lernas en la unuaj fremdlingvaj lecionoj. Ili ankaŭ ne estas sufiĉe internaciaj laŭ enhavo, pritraktante temojn tro specialajn, kiel ekzemple usonajn kutimojn, ne konataj de alilandanoj. Estis do necese, verki aliajn testojn, konstruotajn sur nova bazo.

---

**Esploro de lernolibroj por starigo de internaciaj testoj.** — Por fari internaciajn testojn, ŝajnas necese, scii laŭ kiuj metodoj kaj lernolibroj oni instruas Esperanton diverslande. Pro tio ni skribis al instruantoj diversnaciaj, kaj ricevis respondojn el 16 landoj. En kelkaj landoj estas nur unu libro, kiu estas plej ĝenerale uzata, en aliaj du aŭ pli. Konforme al la sciigoj, kiujn ni ricevis kaj kiujn ni ĉerpis el diversaj partoj de ĉiu lando por havi plej senpartian rezulton, ni studadis 29 lernolibrojn: 28 naciajn kaj la „Fundamenton“, kiu estas uzata en kelkaj regionoj.

Jen la listo de naciaj libroj:

| | | |
|---|---|---|
| en angla | lingvo, lernolibroj de: | Butler, Fryer, Benson (Usona); |
| „ bulgara | „ „ „ | Atanasov; |
| „ ĉeĥa | „ „ „ | Ŝilha, Ŝupichova; |
| „ dana | „ „ „ | Skeel-Giorling, Zoffmann; |
| „ franca | „ „ „ | Cart, Grosjean-Maupin, Privat, Rosiaux & Bonnehon; libreto de „Librairie centrale“; Cours rationnel, eldonita de „Fédération espérantiste ouvrière; |
| „ germana | „ „ „ | Borel, Möbusz, Otto, Schammanek, Streidt; |
| „ hispana | „ „ „ | Inglada & Lòpez Villanueva; |
| „ holanda | „ „ „ | Blok; |
| „ itala | „ „ „ | Migliorini, Stromboli; |
| „ pola | „ „ „ | Turno; |
| „ rumana | „ „ „ | Kimel; |
| „ rusa | „ „ „ | Lydin, Sakaroff; |
| „ sveda | „ „ „ | Jansson. |

La celo estis do scii, ĉu la vortoj uzataj en lernolibroj por elementaj kursoj estas samaj en diversaj landoj, ĉu la lecionoj estas same gradigitaj, k. t. p., ĉar la rezulto devas liveri la materialon uzotan en internaciaj testoj. Tiu studado montris al ni, kia anarkia stato regas en la elekto de vortoj por lernolibroj.

Por faciligi komparon, ni partigis ĉiun libron je 15 partoj. Ni ne povis partigi laŭ libraj lecionoj aŭ ĉapitroj, ĉar la nombro da tiaj ne estas sama en ĉiu lernolibro. 15 estis la plej taŭga nombro, ĉar pluraj libroj enhavas 15 lecionojn; unu havas 45, do facile dividebla je 15; pli malpli facile kaj kiel eble laŭsence, ni partigis la aliajn. Nur mallongajn libretojn en 10 lecionoj ni ne partigis, sed konsideris tiujn 10 lecionojn kiel la 10 unuajn partojn.

Poste ni faris unue tabelon, kiu enhavas la ĉefajn gramatikajn regulojn kaj la afiksojn aperantajn en ĉiu parto; due liston de ĉiuj radikoj uzataj en la libroj, skribante apud ĉiu vorto, en kiu parto de ĉiu libro ĝi aperis unuafoje.

Entute ni trovis tiamaniere proksimume 3.250 vortojn. — Interese estas scii, ke la vortaro de BOIRAC, Esperanto-Esperanta enhavas ĉirkaŭ 11.500 vortojn.

**Malsameco de lernolibroj.** — Havante antaŭ si tiujn 3.250 radikojn ĉerpitajn el 29 lernolibroj, oni unuamomente supozas, ke oni havas grandan trezoron por starigi vere internaciajn testojn. Studinte pli atente, oni troviĝas en granda embaraso! La malsameco de la vortoj uzitaj en la diversaj lernolibroj montras ke tiuj estas faritaj laŭ tute diversaj metodoj, kelkafoje eĉ, ŝajnas, sen metodo.

Entute estas 91 radikoj, kiuj troviĝas er ĉiuj lernolibroj, kaj ne ekzistas eĉ unu vorto, kiu aperas en ĉiuj libroj en la unua parto! Esti aperas en du libroj en la dua leciono, en ĉiuj aliaj en la unua. La artikolon la ni trovas en la dua leciono de unu libro kaj en la kvara de alia; en ĉiuj aliaj en lau una. Kaj tiuj du vortoj estas la plej perfektaj en tiu rilato.

**Kie** troviĝas en preskaŭ ĉiuj libroj en unu el la 3 unuaj partoj; tamen, en 3 libroj ĝi aperas nur en la respektive 7-a, 9-a kaj 10-a. La radikon long ni trovas en unu libro en la 15-a, en alia en la 12-a, en ĉiuj aliaj en la 6 unuaj partoj.

Kaj plej uzataj vortoj kiel: diri, ankaŭ, danki, fini, frukto, ĝis, horo, jes, kosti, meti, nun, nur, pano, sed, tranĉi, varma — mankas en unu aŭ pluraj libroj.

Simila malsameco montriĝas, kiam oni rigardas la afiksojn: laŭ la libro ni trovas: mal en la 1-a, 2-a, 3-a, 4-a, 5-a aŭ 14-a parto; aĵ en la 2-a, 3-a, 4-a, 7-a, 8-a, 9-a, 10-a, 11-a, 12-a, 13-a aŭ 14-a parto; in en la 8 unuaj kaj 11-a partoj.

Tiuj diferencoj venas nur malgrandparte de malsameco de naciaj lingvoj. Oni povus supozi, ke aŭtoroj ĝenerale klopodas prezenti en la lecionoj vortojn similajn al gepatra lingvo de lernantoj. Sed sperto montras, ke tio efektiviĝas nur en malmultaj kazoj. Ŝajnas, ke la diferenco estas kaŭzata ĉefe de la ekzercoj elektitaj de aŭtoroj. Kelkaj elektas „klasikajn" tekstojn, kiuj enkondukas, jam de komenco, sufiĉe maloftajn vortojn. — Aliaj elektas ian temon, kaj traktas ĝin tre detale; tio ankaŭ alvenigas vortojn ne ofte uzatajn; tiel oni trovas, ekzemple, en sama libro: orfo, vidvo jam en unua leciono; apro, ŝakalo en dua; arterio en tria, dum kiam lakto venas nur en 6-a, afero en 9-a, kaj adreso en 15-a. — Aliaj aŭtoroj apartigas vortojn laŭ elparolo. Do troviĝas en sama leciono plej diversaj vortoj — laŭ senco — ĉar ili estas similaj laŭ elparolo.

**Starigo de internaciaj testoj laŭ uzataj lernolibroj.** — Tre malfacile estas, starigi testojn sur tia divers„oza" bazo. Oni devas elekti vortojn laŭ la graveco de l' diversaj lernolibroj, kaj laŭ la ofteco de ilia praktika uzado; ĉar certe estas, ke instruanto, kiu uzas unu el la vortmalriĉaj libroj, lernigas al siaj lernantoj aliajn vortojn dum lecionoj.

Sperto montris do, ke estas tute neeble starigi testojn, kiuj enhavas vortojn konatajn de ĉiuj lernantoj post sama nombro la lecionoj. Sed, se oni ne povas fari tion kun matematika precizeco, oni tamen povas akiri altan gradon da egaleco, rilate al la malfacilaĵoj, kiujn oni prezentas al la lernantoj per testoj.

Por pruvi tion, ni ekzamenu la unue proponitajn testojn, tradukitajn el angla lingvo. En la unua alineo, ni trovas la vortojn: vulpo, sciuro, serpento, kuniklo.

Preninta nian liston, ni vidas, ke kuniklo estas uzata nur de unu sola lernolibro en ĝia unua parto. Ĝi aperas poste:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| en 1 | libro | en ĝia | 2-a | parto |
| „ 1 | „ | „ „ | 3-a | „ |
| „ 1 | „ | „ „ | 6-a | „ |
| „ 1 | „ | „ „ | 7-a | „ |
| „ 1 | „ | „ „ | 8-a | „ |

En la aliaj 23 libroj ĝi tute ne aperas.

Aplikante la ekzemplon praktike, ni do vidas, ke, el 29 ekzamenatoj (supozante ke ĉiu uzis unu el niaj libroj kaj neniu konis vortojn el alia fonto ol la libro) nur unu povus respondi la demandon; 5 povus ĝin respondi post pliaj lecionoj, kaj 23 tute ne kapablus respondi ĝin. — Ankoraŭ pli grava estas la afero pri vorto sciuro, kiu estas uzata nur en 2 lernolibroj: do 27 el 29 lernantoj ne komprenus la demandon.

Se ni faras la kontraŭon, kaj elektas teston laŭ la listo, ni vidas, ke se ni uzas, ekzemple, la vorton birdo (por resti en sama arbara atmosfero), el la 28 lernantoj nur 2 neniam renkontis tiun vorton; el la 27 aliaj

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 11 | renkontis ĝin | en | 1-a | parto |
| 9 | „ | „ „ | 2-a | „ |
| 1 | „ | „ „ | 3-a | „ |
| 2 | „ | „ „ | 4-a | „ |
| 1 | „ | „ „ | 5-a | „ |
| 1 | „ | „ „ | 7-a | „ |
| 1 | „ | „ „ | 8-a | „ |
| 1 | „ | „ „ | 9-a | „ |

Certe, testoj ne devas esti tro facilaj, sed, por nia celo, ili devas esti laŭeble egalaj por ĉiuj landanoj, kaj tiun (nur relativan, tion ni scias) egalecon oni atingas nur, se oni faras testojn, atentinte ĉiujn diverslandajn lernolibrojn, aŭ almenaŭ la plej uzatajn.

Ni klopodis esti kiel eble plej objektivaj starigante novajn testojn sur lernolibra bazo. Ni faris 4 diversajn testojn.

La unua testo, prezentota al la lernantoj komence de la unua leciono, estas sendependa de lernolibroj; ĝi celas montri, kiom oni povas diveni, eĉ antaŭ ol lerni ion.

La dua testo enhavas laŭeble la vortojn aperantajn en la 5 unuaj partoj de almenaŭ 23 lernolibroj.

La tria testo, sammaniere enhavas vortojn aperantajn en la 10 unuaj partoj;

la kvara testo, vortojn aperantajn en la 15 partoj.

Sur nia ĉi-suba listo, ni metis apud la literon L (= el lernolibroj) ciferon, kiu indikas, en kiu testo ni povas uzi la vorton. Ekzemple: aĉet L3, signifas, ke la radiko aĉet aperis en la plej multaj libroj en la 6—10-a lecionoj, do en la dua parto, kiu liveras la vortojn por testo 3-a.

**Komparo de vortofteco en diversaj lingvoj.** — Oni rimarkas, kaj la unuaj de ni uzitaj testoj akcentas tiun fakton, ke vortoj, konataj de ĉiu homo, eĉ de infano, en gepatra lingvo — ĉar uzataj en ĉiutaga vivo — ne estas konataj de Esperanto-lernantoj, kiuj ne lernas la lingvon per bezonoj de vivo, sed nur dum lecionoj, ĉefe per, aŭ almenaŭ laŭ libroj. La konata esperanta vortaro estas do tute alia, ol tiu de gepatra lingvo; la plej komunajn vortojn ofte ne konas eĉ bonaj esperantistoj — ĉar ili neniam vivis en Esperantlando.

Kiam oni instruas Esperanton aŭ verkas lernolibron, oni devas atenti la celon, kiun deziras atingi la lernantoj. Pro tio ekzistas ja fakaj lernolibroj, enhavantaj vortojn speciale utilajn por ia celo: komerco, turismo, scienco, k. t. p. Sed, por ĝenerala uzo de Esperanto, ŝajnas ke, ĝis ia grado, oni bezonas koni la samajn vortojn, kiujn oni konas en gepatra lingvo. Por instrui Esperanton aŭ verki lernolibron. estus do tre utile scii, kiuj vortoj estas plej ofte uzataj en naciaj lingvoj; kaj por nia speciala celo, estas interese scii, ĉu oftaj vortoj en naciaj lingvoj respondas al la vortoj troviĝantaj en lernolibroj.

Ni faris tiun komparon tiamaniere:

Unue ni starigis liston konsistantan el ĉiuj vortoj (radikoj kaj helpaj elementoj) kiuj troviĝas en almenaŭ 23 el la 29 studitaj Esperanto-lernolibroj (do en ĉirkaŭ 80%); ni havis tiamaniere 431 vortojn.

Poste ni faris 3 listojn (francan, anglan, germanan) enhavantajn la 431 plej ofte uzatajn vortojn en la franca, angla kaj germana lingvoj.

Por starigi tiujn listojn, ni konsultis 3 librojn pri vortofteco. La francajn vortojn ni prenis el la usona libro de Henmon, titolita: „A French Word Book based on a count of 400.000 running words“ (Franca vortolibro bazita sur 400.000 vortoj el sinsekvaj tekstoj), eldonita de l' Universitato de Wisconsin (sept. 1924).

La vortoj de tiu libro estas ĉerpitaj el diversaj fontoj, el:

| | | |
|---|---|---|
| Tekstoj eldonitaj por lerneja uzo | 80.000 | vortoj |
| Filozofa prozo | 20.000 | „ |
| Gazetaj artikoloj | 50.000 | „ |
| Ĵurnalaj artikoloj kaj rakontoj | 30.000 | „ |
| Modernaj francaj aŭtoroj | 140.000 | „ |
| Poeziaĵoj | 15.000 | „ |
| Politikaj kaj militistaj artikoloj | 25.000 | „ |
| Leteroj kaj telegramoj | 15.000 | „ |
| Popolaj fabeloj | 25.000 | „ |
| Entute | 400.000 | vortoj |

Tiu nombro da vortoj entenas 9.187 diversajn vortojn (laŭ vortara maniero). El tiuj, 3.905 aperis almenaŭ 5-foje; ili estas konsiderataj kiel oftaj vortoj kaj formas la enhavon de la libro. El ili ni do eltiris la 431 plej oftajn.

La anglajn vortojn liveris „The Teacher's Word Book“ (La vortolibro de l' Instruisto) de Edward L. THORNDIKE, Teachers College, Columbia University, New York, 1921. Tiu libro enhavas 10.000 oftajn vortojn ĉerpitajn el precizaj fakoj: jen la suma nombro da vortoj de ĉiu fako:

| | | |
|---|---|---|
| Porinfana literaturo | 625.000 | vortoj |
| Biblio kaj anglaj klasikaj verkoj | 3.000 | „ |
| Lernejaj lernolibroj | 300.000 | „ |
| Libroj pri kuiro, kudro, agrikulturo, komerco, k. t. p. | 50.000 | „ |
| Ĵurnaloj | 90.000 | „ |
| Korespondado | 500.000 | „ |
| Sumo | 1,668.000 | vortoj |

En germana lingvo ni eltiris la vortojn el la verko de F. W. KAEDING: „Häufigkeitswörterbuch der deutschen Sprache“ (Ofteca vortaro de germana lingvo), Steglitz apud Berlin, 1897. La vortoj enhavataj en tiu libro estas ĉerpitaj el:

| | | |
|---|---|---|
| Diversaĵoj | 4,306.253 | vortoj |
| Juro | 400.000 | " |
| Teologio | 400.000 | " |
| Medicino | 100.000 | " |
| Komerco | 300.000 | " |
| Historio | 500.000 | " |
| Klasikaĵoj | 2,000.000 | " |
| Leteroj: a) komercaj | 100.000 | " |
| b) militistaj | 200.000 | " |
| c) privataj | 700.000 | " |
| Parlamento | 900.000 | " |
| Libro pri Eltrovoj | 400.000 | " |
| Ĝeneralaj militaĵoj | 600.000 | " |
| Sumo | 10.906.235 | vortoj |

Komparante nian esperantan liston kun la 3 nacilingvaj, ni konstatis, ke 199 vortoj stariĝas samtempe sur nia listo kaj sur la tri aliaj.

Estas sur nia esperanta listo 257 vortoj al kiuj respondas unu aŭ kelkaj vortoj de la franca listo;

Estas sur nia esperanta listo 296 vortoj al kiuj respondas unu aŭ kelkaj vortoj de la angla listo;

Estas sur nia esperanta listo 274 vortoj al kiuj respondas unu aŭ kelkaj vortoj de la germana listo.

Estas sur la esperanta listo 174 vortoj kiuj mankas sur la franca,
135 " " " " " angla,
kaj 157 " " " " " germana listoj.

Kontraŭe: Staras sur la franca listo 93 vortoj kiuj mankas sur la esperanta,
" " angla " 83 " " " " " "
kaj " " germana " 109 " " " " " "

Ĉi tie ŝajnas esti kalkuleraro, ĉar sur nacilingva listo la sumo de la vortoj respondantaj al la esperantaj kaj tiuj mankantaj en Esperanto ne estas 431, la sumo de ĉiuj vortoj. La kialo de tiu diferenco estas, ke, en nacia lingvo estas ofte pluraj vortoj kiuj estas tradukataj en Esperanto nur per unu radiko. Ekzemple al la radiko „hom" respondas sur franca listo „homme" + „humain"; sur angla „people" + „man" + „person", sur la germana „Mensch" + „Leute". —

La franca listo tradukita liveras 350 esperantajn radikojn,
" angla " " " 379 " "
" germana " " " 383 " "

75 vortoj (17% de la tuto) staras sur nia esperanta listo kaj mankas sur la tri aliaj.

Kontraŭe 29 vortoj (6,7%) staras sur la tri nacilingvaj listoj kaj mankas sur la esperanta.

Entute mankas proksimume 200 esperantaj vortoj por havi ĉiujn vortojn kiuj staras sur unu, du aŭ la tri nacilingvaj listoj, do vortoj troviĝantaj inter la 431 plej oftaj vortoj en franca, angla aŭ germana lingvo, aŭ en du aŭ tri lingvoj samtempe.

Plej grandan similecon havas la esperanta listo kun la angla.

Tiu malsimileco ne signifas ke, por fari taŭgan lernolibron, oni devus nepre kaj nur uzi la vortojn plej ofte uzatajn en aliaj lingvoj. Certe estus bone, se oni povus aldoni parton de la mankantaj vortoj, almenaŭ **la 29**

vortojn troviĝantajn sur ĉiuj nacilingvaj listoj; kelkaj el ili estas tiom ofte uzataj, ke oni ne komprenas, kiel ili povas manki en esperantaj lernolibroj; ekzemple: part, sekv, kamp, form, sol, plen, halt, perd, preskaŭ, tie, tiam, k.t.p. Sed kontraŭe, iu nombro da vortoj troviĝantaj sur la esperanto-listo kaj ne sur la aliaj nepre devas resti, ĉar, se ili ne estas tre ofte uzataj, oni tamen devas, pro ia kaŭzo, koni ilin post elementa kurso; ili estas necesaj al nova esperantisto, aŭ utilaj al gramatikaj klarigoj, aŭ al lernado de vortfarado; aŭ ili estas tiaj, kiajn oni uzas dum lecionoj; ekzemple: nomoj de monatoj, de tagoj, nombroj, vortoj kiel: leciono, lingvo, metro, plumo, pomo, diligenta, kuraci, saluti.

Resume oni rimarkas, ke ĉirkaŭ 46% de la vortoj de nia esperanta lernolibra listo akordiĝas kun la vortofteco de tri naciaj lingvoj. Proksimume 17% el la lernolibraj vortoj en neniu el la tri naciaj lingvoj estas oftaj vortoj. La resto, 37%, estas oftaj en unu aŭ du naciaj lingvoj (franca, angla, germana).

**Vortofteco en esperantaj tekstoj.** — Poste ni faris alian interesan komparon. En Sennacieca Revuo (numero de Julio-Septembro 1927) aperis artikolo de S. RUBLEV: „Provo de kvanta element-analizo de la lingvo esperanto“. Tiu artikolo klarigas esploron pri vortofteco en Esperanto. S-ro Rublev analizis 3 numerojn de la gazeto „Sennaciulo“ kaj 3 librojn: „ABC de Sennaciismo“ de V. ELSUDO (originalo), „Patro kaj filoj“ de TURGENEV (traduko de KABE), „En malliberejo“ de Ĉirikov (traduko de KABE).

Tiuj skribaĵoj liveris ĉirkaŭ 100.000 vortojn — radikajn kaj helpajn elementojn, el kiuj 235 (ni dekalkulis la afiksojn por havi la saman bazon kian ni uzis por nia listo) estas konsiderataj kiel oftaj.

El tiu listo estas 187 vortoj kiuj troviĝas ankaŭ sur la lernolibra esperanta listo, kaj 48 kiuj mankas sur ĝi. Do el la Rublev-a listo, t. e. esperanta ofteco, proksimume 80% el la oftaj vortoj akordiĝas kun la lernolibra listo, kaj 20% mankas sur nia listo.

Ni ne povas fari kontraŭan provon, ĉar la sumo da vortoj ne estas sama.

**Vortokono de infanoj.** — Fine, ni uzis laboraĵon de D-ro D. A. Prescott, de Instituto J. J. Rousseau, kiu, por alia celo, faris en Ĝenevo enketon pri vortokono ĉe infanoj. 104 infanoj (52 knaboj kaj 52 knabinoj) 10—11-jaraj, sama nombro 11—12, 12—13, 13—14-jaraj, do entute 416 infanoj el publika lernejo havis taskon, skribi dum 1/4 da horo ĉiujn vortojn (en gepatra franca lingvo), kiuj trapasis sinsekve ilian cerbon. D-ro Prescott starigis listojn enhavantajn ĉiujn tiujn vortojn; li aldonis apud ĉiu vorto, kiom da fojoj ĝi estas menciita de l' infanoj.

Tiel starigita listo ne informas pri kompleta vortaro konata de infanoj. Sed, se unuflanke la infanoj estas influataj de la medio en kiu ili estas, kiam ili skribas, — de momenta priokupo, projekto aŭ travivaĵo, — aliflanke la fakto, ke ni konsideris ĉi tie kiel oftajn nur la vortojn skribitajn de almenaŭ 29 infanoj, garantias pri efektiva ofteco. El tiu listo ni ree elĉerpis la 431 plej oftajn vortojn, kaj komparis ilin kun nia esperanta listo.

Estas sur nia listo 136 vortoj al kiuj respondas unu aŭ kelkaj vortoj de tiu infana listo;

estas sur la infana listo 261 vortoj kiuj mankas sur la esperanta.

Ni vidas do, ke nia listo diferenciĝas de la infana pli ol de ĉiu alia. Tio estas kaŭzita ĉefe de tio, ke infanoj skribis precipe substantivojn, verbojn, adjektivojn, forlasante prepoziciojn kaj aliajn helpajn elementojn, kiuj troviĝas sur ĉiu alia listo.

Interese estas, atenti ankaŭ la datojn: la libro pri vortofteco de Kaeding aperis en 1897. La listo de la infanoj montras kiel, 30 jarojn poste, aliaj vortoj nomantaj novajn eltrovaĵojn iĝis tute kutimaj, eĉ por infanoj; ekzemple: aŭtomobilo, elektro, kinematografo, motociklo.

Sintezante nian laboron, ni faris liston da vortoj enhavantan:

1. la vortojn de la lernolibra listo;
2. la vortojn oftajn en franca, angla kaj germana lingvoj (laŭ Henmon, Thorndike kaj Kaeding);
3. la vortojn oftajn en Esperanto (laŭ Rublev);
4. la vortojn oftajn en la listo liverita de infanoj (laŭ Prescott).

Tiu listo enhavas 876 vortojn. Apud ĉiu vorto estas literoj, kiuj indikas kie troviĝas la vorto.

## Listo da Vortoj.

L = el esperanto-lernolibroj.
F = el franca ofteco-listo.
A = el angla ofteco-listo.
G = el germana ofteco-listo.
R = el esperanto-listo de Rublev.
I = el listo liverita de infanoj.

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| abel | | | | | | I |
| abi | | | | | | I |
| abrikot | | | | | | I |
| aĉet | L. 3 | | A | G | | |
| aer | L. 4 | F | A | G | | |
| afabl | | | | | | I |
| afer | L, 3 | F | A | G | R | |
| ag | L. 4 | F | A | G | | |
| agl | | | | | | I |
| agrabl | L. 4 | | | | | |
| aĝ | | | A | | | |
| ajn | L. 4 | | A | G | | |
| akcept | L. [illegible] | F | A | | | |
| akv | L. 3 | F | A | G | | I |
| al | L. 2 | F | A | G | R | I |
| ali | L. 3 | F | A | G | R | |
| alt | L. 3 | F | A | G | R | |
| am | L. 2 | F | A | G | R | |
| amas | | | | G | | |
| ambaŭ | | | A | G | | |
| amik | L. 2 | F | A | G | R | |
| anas | | | | | | I |
| anser | | | | | | I |
| anim | | F | | G | | |
| ankaŭ | L. 2 | F | A | G | R | |
| ankoraŭ | L. 3 | F | A | G | R | |
| anstataŭ | L. 4 | | | G | | |
| antaŭ | L 3 | F | A | G | R | I |
| apart | | | | | R | |
| aparten | L. 4 | | | | | |
| aper | | F | A | G | R | |
| apog | | | | | | I |
| april | L. 3 | | | | | |
| apud | L. 3 | F | A | G | | |
| arb | L. 2 | | A | | | I |
| ardez | | | | | | I |
| arĝent | | | A | | | I |
| arme | | F | A | G | | |
| art | | | A | G | R | |
| atend | L. 4 | F | A | G | | |
| atent | L. 3 | | A | | | |
| ating | L. 4 | | A | G | | |
| aŭ | L. 3 | F | A | G | R | |
| aŭd | L. 3 | F | A | G | | |
| aŭgust | L. 4 | | | | | |
| aŭskult | L. 4 | F | | | | |
| aŭtomobil | | | | | | I |
| aŭtun | L 4 | | | | | |
| av | L. 3 | | | | | I |
| avel | | | | | | I |
| azen | | | | | | I |
| babil | L. 4 | | A | | | |
| baldaŭ | L. 3 | F | A | G | | |
| banan | | | | | | I |
| bank | | | A | G | | |
| bar | | | | | | I |
| bat | L. 4 | F | | G | | |
| batal | | | | G | R | |
| bedaŭr | | | | G | | |
| bek | | | | | | I |

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| bel | L. 2 | F | A | G | R | I |
| benk | | | A | G | | I |
| ber | | | | | | I |
| best | L. 3 | F | A | | | I |
| bezon | L. 3 | F | A | G | | |
| bicikl | | | | | | I |
| bild | | F | | G | | I |
| bird | L. 2 | | A | | | I |
| blank | L. 3 | F | A | | | I |
| blov | | | A | | | |
| blu | | | | | | I |
| bluz | | | | | | I |
| bol | | | | | | I |
| bombon | | | | | | I |
| bon | L. 2 | F | A | G | R | I |
| botel | | | | | | I |
| bov | L. 3 | | | | | I |
| brak | | F | | | | I |
| branĉ | | | | | | I |
| brasik | | | | | | I |
| brav | | F | | | | |
| bril | L. 4 | | | G | | |
| bros | | | | | | I |
| bru | | F | | | | |
| brul | L. 3 | | A | | | |
| brun | | | | | | I |
| buĉ | | | | | | I |
| burĝ | | | | | R | |
| buŝ | L 3 | | | | | I |
| buter | | | | | | I |
| butik | | | | | | I |
| buton | | | | | | I |
| cel | | | | G | R | |
| cent | L. 3 | F | A | G | R | |
| cert | L. 3 | A | A | G | | |
| ci | L. 2 | F | | G | | |
| cifer | | | | | | I |
| cigar | L. 4 | | | | | |
| cirkel | | | | | | I |
| ĉambr | L. 2 | F | A | G | R | I |
| ĉapel | L. 3 | | | | | I |
| ĉar (kunjunkcio) | L. 2 | F | A | G | R | |
| ĉar .. (o) | | | | | | I |
| ĉe | L. 2 | F | | G | R | |
| ĉef | | F | | | R | |
| ĉel | | F | | | | |
| ĉemiz | | | | | | I |
| ĉeriz | | | | | | I |
| ĉeval | L. 3 | F | A | | | I |
| ĉi | L. 3 | F | A | G | R | |
| ĉia | L. 4 | F | A | | | |
| ĉiam | L. 3 | F | A | G | R | |
| ĉie | L. 4 | F | | | | |
| ĉiel | L. 4 | | | | | |
| ĉiel . . . (o) | | F | | G | | I |
| ĉies | L. 4 | | | | | |
| ĉifon | | | | | | I |
| ĉio | L. 3 | F | A | G | R | |
| ĉirkaŭ | L. 3 | F | A | G | | |
| ĉiu | L. 3 | F | A | G | R | |
| ĉokolad | | | | | | I |
| ĉu | L. 2 | F | A | G | R | |
| da | L. 3 | F | A | G | R | |
| dank | L. 3 | | A | G | | |
| daŭr | L. 3 | F | | | | |
| de | L. 2 | F | A | G | R | I |
| decembr | L. 3 | | | | | |
| decimetr | | | | | | I |
| dek | L. 3 | F | A | G | R | |
| dekstr | | | A | | | |
| demand | L. 3 | F | A | G | R | |
| dent | L. 3 | | | | | I |
| denunc | | | | | | I |
| des | | | | G | | |
| desegn | | | | | | I |
| dev | L. 2 | F | A | G | R | |
| dezir | L. 2 | | A | G | R | |
| Di | | F | A | G | | |
| dik | | F | | | | I |
| diligent | L. 3 | | | | | |
| dimanĉ | L. 4 | | | | | I |
| dir | L. 2 | F | A | G | R | |
| direkt | | | A | G | | |
| direktor | | | | | | I |
| divers | L. 4 | | | G | R | |
| do | L. 3 | F | A | G | R | |
| doktor | | | | | | I |
| dom | L. 2 | F | A | G | | I |
| don | L. 2 | F | A | G | R | |
| dorm | L. 2 | F | A | | | I |
| drap | | | | | | I |
| du | L. 2 | F | A | G | R | I |
| dum | L. 3 | F | A | G | R | |
| eĉ | L. 3 | F | A | G | R | |
| edz | L 3 | F | | | | |
| efektiv | | | | | R | |
| efik | | F | | | | |
| egal | | | | G | | |
| ekonomi | | | | | R | |
| ekster | L. 4 | F | A | G | | |
| ekzempl | | F | | G | | |
| ekzist | | | | | R | |
| el | L. 2 | | A | G | R | |
| elefant | | | | | | I |
| elekt | | | | G | | |
| elektr | | | | | | I |
| en | L. 2 | F | A | G | R | |
| episkop | | F | | | | |
| esper | L. 3 | | A | G | | |
| est | L. 2 | F | A | G | R | I |
| estim | L. 4 | | | G | | |
| estrad | | | | | | I |
| etaĝ | | | A | | | |
| facil | L. 3 | | A | G | R | |
| faden | | | | | | I |
| fajr | L. 4 | | A | G | | I |
| fak | | | | | R | |
| fakt | | F | | G | | |
| fal | L. 3 | F | A | G | | |
| famili | L. 2 | F | A | | | |
| far | L. 2 | F | A | G | R | I |
| farm | | F | | | | |
| farun | | | | | | I |
| fasad | | | A | | | |
| februar | L. 3 | | | | | |
| feliĉ | L. 2 | F | A | G | R | |

